# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

oktobro 2012
n-ro 115

SPECIALA NUMERO PRI SOMERA GASTADO DE KEL EN HRVATSKO ZAGORJE



- Kroatio rekandidatiĝos por gastigo de Universala Kongreso de Esperanto
- 10a kongreso de kroataj esperantistoj en Koprivnica
- Renkontiĝo de verkistoj en Hrašćina
- Zamenhof-tago en Bjelovar la 15-an kaj en Zagreb la 19-an de decembro 2012

# Karaj legantoj!

Aŭtuniĝis post la riĉa somero.

La jaro 2012, nomata "la jaro de aktiva maljuniĝo" alproksimiĝas al sia fino.

Por eŭropaj esperantistoj la jaro 2012 estas aldone "La jaro de **Tibor Sekelj**" ĉar ni festas 100 jarojn de lia naskiĝo. Tial vi trovas sur la titolpaĝon foton de **Romana Kunej** (por **ZagrebForum**) pri nia membro **Katarina Savić**, konatiĝanta kun unu el 80 libroj de **Tibor Sekelj**. (**Tibor Sekelj** naskiĝis en **Spišská Sobota** en **Slovakio** la 14an de februaro 2012.)

**Departemento Krapinsko-zagorska** financas tiun ĉi numeron de nia gazeto **Tempo** kaj tial ĉi-numere ni metas akcentojn sur la eventoj okazigitaj en Zagorje, la **Meteorita festo** la 26an de majo 2012 en **Hraščina-Trgovišće** kaj la samloka **Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj kaj tradukistoj**, okazinta de la 14a ĝis la 16a de septembro 2012. La aranĝon ebligis **Ministerio pri kulturo kaj Akademio Literatura de Esperanto**. Ambaŭ eventoj traktis la temon **Tibor Sekelj** el diversaj vidpunktoj. Bv. legi kontribuon de **Anne Jaucisions**. Ni publikigas prezentitajn kontribuaĵojn de **Erzsébet Sekelj** kaj **Zlatoje Martinov**. Apartan ĉarmon al la aranĝo donis muzikaj kontribuoj de **Kaja Farszky** kaj **Neven Mrzlečki**.

La slovaka kuko ornamita per la festa simbolo **125** por la aĝo de Esperanto atingita julie (fotis **Tomislav Divjak**), bongustis samkiel la kuko kreita de **Jadranka Farszky** por la centa jubileo de **Tibor Sekelj**. (Fotis **Erzsébet Sekelj**.)

La TV-teamo **Bonan matenon, Kroatio** vizitis la aranĝon kaj elsendis belan programon la 19an de septembro 2012.

Ni superrigardu unue kio okazis de post la publikigo de la aprila numero de **Tempo**:

**Triesto** estis de la 9a ĝis la 11a de majo la scenejo de Esperanto-aranĝo kian ni malofte spertis. La internacia konferenco kiun gastigis **Triesta Esperanto-Asocio** sub la titolo "Kia estus Eŭropo nun se ne ekzistus Eŭropa Unio" donis la parolon al la prestiĝaj eksaj ŝtatestroj, la kroata **Stjepan Mesić**, la slovena **Milan Kučan** kaj la eksa itala ministro pri eksterlandaj aferoj **Giovanni De Michelis**. Ni planas publikigi prelegon de **Stjepan Mesić** en la venonta numero de **Tempo**.

**Subotica** omaĝis al la centjariĝo de **Tibor Sekelj** per la Ronda Tablo pri **Tibor Sekelj**, al kiu flanke de Kroatio de la 18a ĝis la 20a de majo kontribuis Judita **Rey Hudeček, Josip Pleadin, Ivan Špoljarec** kaj **Zlatko Tišljar**. Bela katalogo "Simileco kaj diverseco" el la etnologia kolekto de mondvojaĝanto **Tibor Sekelj** estis eldonita.

Infanoj kiuj lernas Esperanton direktis sin al **Kostrena** por partopreni la ĉi-jaran konkurson pri scio de Esperanto por lernantoj de elementaj kaj mezaj lernejoj. Krom la kutimaj lernejoj **Mladost** kaj **Retkovec** el **Zagrebo** kaj la lernejo **Andrija Mohorovičić** el **Matulji** kun **Danijel Hrvatin**, partoprenis la unuan fojon gimnazianoj el **Šibenik Luciela Tolo** kaj **Robert Nakić** dum la gefratoj **Filip** kaj **Laura Šeatović** reprezentis la lernejon **Ljudevit Gaj** el **Zaprešić**.

Kroataj fervojistoj-esperantistoj kongresis en **Herzberg am Harz** de la 19a ĝis la 25a de majo 2012.

Ambasadejo de **Kroatio** en **Pekino** prizorgis la ĉinan eldonon de **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić** kaj la kroata ambasadoro en **Ĉinio D-ro Ante Simonić** vizitis plurajn ĉinajn lernejojn rakontante pri **Kroatio** kaj prezentinte la infanlibron en la ĉina traduko de **Shi Cheng tai**.

La foto en la rubriko **Karaj legantoj** venas de **Siniša Dvornik** kaj ĝi prezentas majan filmadon en studio de **TV-NET** en **Voloder** kiam la jurnalistino **Matea Miljan** gastigis esperantistojn **Goran Lakotić** el **Kutina** kaj **Đivo Pulitika**, prezidanton de **Studenta Esperanto-Klubo**.

La 17-an de majo **Spomenka Štimec** prelegis en la urba biblioteko de **Vrbovec** pri **Tibor Sekelj** dank' al la prizorgo de **Željko Gubijan.**

**Bjelovara Esperantista Societo** gastigis reprezentantojn de **Dokumentan Esperanto-Centro** kaj **Esperanto-Societo Sisak** kun **Unuiĝo de zagrebaj esperantistoj** la 10an de junio 2012 por analizi diversajn problemojn de la kroata Esperanto-Movado.

Kroataj esperantistoj direktis sin al **Koprivnica**, kie de la 22a ĝis la 24a de junio 2012 okazis la jubilea **10-a kongreso de kroataj esperantistoj**. Tie okazis la 22-an de junio 2012 ankaŭ la jarkunveno de **Kroata Esperanto-Ligo**. La plej grava decido de la asembleo estas konsento ke **Kroata Esperanto-Ligo** en unu el la estontaj jaroj kandidatigu **Zagrebon** por **Universala Kongreso de Esperanto**. Multan tempon de la jarkunveno okupis la propono de la Prezidantaro de KEL, ke la ano de la Prezidantaro **Josip Pleadin** estu eksigita el la Prezidantaro. La membroj de la Asembleo ne akceptis tiun proponon.

Dum la kongreso **Esperanto-Societo Sisak** kaj ties prezidantino **Nataša Dorosulić** afablis inviti la **11-an kongreson de kroataj esperantistoj** al Sisak en 2013. Pro premaj finanacaj rimedoj de la urbo, de la societo en **Sisak**, de **Kroata Esperanto-Ligo** mem kaj la ne tro optimisma financa situacio enlande, ankoraŭ ne estas konate ĉu la kroataj esperantistoj sukcesos realigi



Fotis Siniša Dvornik

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIX, numero 115 (2/2012), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Krapinsko-zagorska županija, Krapina.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Tomislav Divjak, Siniša Dvornik, Davor Grgat, Anne Jausions, Romana Kunej por ZgForum, Antun Kovač, Siniša Milašinović, Zlatoje Martinov, Josip Pleadin, Velimir Piškorec, Erzsébet Sekelj, Tibor Sekelj, Zdravko Seleš, Jasminka Štimac, Spomenka Štimec, Maja Tišljar. - **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo**: 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

sian kongreson en **Sisak** kaj **Petrinja** 2013. Detaloj venontnumere.

La organizadon de la bela ĉi-jara kongreso en Koprivnica prizorgis **Dokumenta Esperanto-Centro** el **Đurđevac**. La ĉefan laboron gvidis **Josip Pleadin** kun la teamo de LKK. Prezidanto de DEC, verkisto **Zdravko Seleš**, lanĉis en **Koprivnica** sian novan trilingvan libron **Sonĝoj kaj ombroj**. Pri la kongreso raportas **Davor Grgat**, foto de **Siniša Milašinović**.

**Spomenka Štimec** prelegis en **Usono** ĉe la ĉi-jara **Nordamerika Somera Kursaro**, kun lekciistoj **Tim Westower** kaj **Birke Dickhorn**. La prelegaron gastigis **Universitato de Teksaso** en la urbo **Dallas** de la 24a de junio ĝis la 4-a de aŭgusto 2012.

Al **Ukraino** veturis ĉi-jare membroj de **KUNE**, **Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj** por sia faka kongreso: **Antun Kovaĉ, Dragan Štoković**, kun akompananto **Vladimir Dujnić**. **KUNE** atingis gravan jubileon ĉi-somere: estis eldonita la 30-a numero de la **Sona Tempo**, kiun voĉlegas **Spomenka Štimec**.

**Zlatko Tišljar, Maja Tišljar, Zlata Nanić, Gordana Katunar** kaj **Vanja Grujić** aktivis en **Galivo** en **Irlando** ĉe **Eŭropa Esperanto-Kongreso** organizita de **Eŭropa Esperanto-Unio**. **Maja Tišljar** tie eksciis ke la projekto kiun ŝi kun la gekolegoj el 9 landoj sukcesis krei por **Eŭropa Komisiono** ricevis financan aprobon de 400.000 eŭroj!

**Marija Jerković, Zlata Nanić, Katja Osibov, Ivo Osibov, Ana Radulović** kaj **Judita Rey Hudeček** partoprenis en **Hanojo** la **97-an Universalan Kongreson de Esperanto** de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto. **Judita Rey Hudeček** prelegis pri **Tibor Sekelj** dum la kongresa programo de Kleriga lundo kaj kun vjetnamaj esperantistoj prezentis la vjetnaman eldonon de la libro **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić**. (La esperantan tradukon prizorgis en 1998 **Maja Tišljar**). La programon de la libroprezento financis **Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio**. Pri la evento raportis interalie la kongresa kuriero **Loa!... Loa!... Loa!...**

En la kongresejo de la **Universala Kongreso** de **Hanojo** tri ejoj portis la nomon de zagrebaj esperantistoj. Sian salonon havis **Ivo Lapenna**, aktorino **Vida Jerman** kaj zagrebano de la jaroj 1929-1939 **Tibor Sekelj**. Pluraj kroataj amaskomunikiloj informis ke aktorino **Vida Jerman** havis sianoman salonon dum la kongreso en **Hanojo**.

Malmultaj Landaj Asocioj ĉeestigas en Universalaj Kongresoj reprezentanton de sialanda turisma instanco. **Kroata Esperanto-Ligo** estas escepto: en **Hanojo** ĉeestis nome de **Turisma Asocio de Zagrebo** ties direktorino, **Amelija Tomašević**, por informiĝi pri la nuna stato de Universalaj Kongresoj. **Turisma Asocio de Zagrebo** estas la ĉefa instanco en **Kroatio**, kiu kuraĝigas **Kroatan Esperanto-Ligon** denove **kandidatigi Zagrebon por Universala Kongreso de Esperanto**. **Turisma Asocio** de la urbo **Zagrebo** finance subtenis partoprenon de la prezidantino **Judita Rey Hudeček** en **Hanojo**.

**Vjetnamio** gastigis en la somero de 2012 ankaŭ **Internacian Junularan Kongreson**. Por kroataj gejunuloj **Vjetnamio** estis tro malproksima kaj tro multekosta. Sed kroataj gejunuloj ne mankis en **Nitra** en **Slovakio** ĉe la ĉi-jara **Somera Esperanto-Studado** en kiu partoprenis **Vlado Kamenski, Tonina Novak, Tomislav Divjak, Sanja Damjanić** kaj **Natalija Lenić**. Raportas **Tomislav Divjak**.

**Srećko Radulović** entreprenis ankaŭ ĉi-jare nome de **Esperanto-Societo Sisak** kaj kunlabore kun **Esperanto-Societo Karlovac** kaj **Esperanto-Societo "Mondo Paca"** la 4-an **Boatadon sur la rivero Kupa** okazinta de la 31a de julio ĝis la 5a de aŭgusto. Aliĝis al la evento ankaŭ **Esperanto-Societo** el **Petrinja**.

Dum la tuta julio ni pretigadis la trijaran strategian planon de **Kroata Esperanto-Ligo** ĉar **Ministerio pri kulturo** escepte ĉ-jare postulis ĝin kiel konsisitigan parton de financaj petoj de **Kroata Esperanto-Ligo**. Membroj de la asembleo de **Kroata Esperanto-Ligo** voĉdonis por la strategia plano en aŭgusto kaj niaj petoj por 2013 povis esti transdonitaj al la Ministerio.

Novaj Esperanto-societoj naskiĝis somere: en **Križevci** estis fondita **Esperanto-Societo "Estonteco"** kun la prezidanto **Kruno Puškar**. En **Hrašćina** estis fondita la 20-an de julio 2012 **Esperanto-Societo "Trixini"**, portanta la nomon honore al germana magiisto **Hansjörg Kindler – Trixini.** La societon prezidas **Judita Rey Hudeček**. **Srećko Radulović** kun **Esperanto-Societo Sisak** iniciatis en **Kutina** refondiĝon de la tiea **Esperanto-Societo** kun **Milan Perić** kiel prezidanto. En **Hrašćina** kunsidis la 15an de septembro 2012 iniciata komitato por fondo de la **Esperanto-Societo "Tibor Sekelj" Zagrebo**. La fondkunveno okazis la 29an de septembro en **Zagrebo**. Prezidantino estas doktoro pri matematiko **Mea Bombardelli**, sekretarias bibliotekistino **Darinka Sović**.

Dum aŭgusto **Nevenka Imbert** gvidis kurson por gefratoj **Antonio** kaj **Jelena Gecan** en **Gorski Kotar**. **Spomenka Štimec** prelegis pri **Tibor Sekelj** por **Esperanto-Societo "Estonteco"** en la urba biblioteko de **Križevci**, la 3an de aŭgusto 2012.

Unikan agadon entreprenas **Esperanto Societo Rijeka** kiu kun **Unuiĝo de skoltoj** (prezidanto **Dario Hren**) subskribis kontrakton pri luado de **Esperanto-Domo** dum venontaj 20 jaroj. Skoltoj devigas sin per ĉi-kontrakto alkonstrui la **Esperanto-Domon** al **Hostelo Esperanto**.

La prezidantaro de **Kroata Esperanto-Ligo** kunsidis la 10an de septembro 2012. Ĉar post la malfondo de **Esperanto-Societo "Bude Borjan"** kreskis la kvanto de individuaj membroj de KEL al 79 membroj, ili devus esti adekvate reprezentitaj en la asembleo de KEL. Tial konforme al la statuto estis organizitaj elektoj de reprezentantoj de individuaj membroj en la asembleo de KEL. Dum la kunsido estis elektita Statuta Komisiono pri kies agado ni legos.

**Pupteatra Internacia Festivalo**, lanĉita de **Studenta Esperanto-Klubo** en 1969 atingis ĉi-jare sian unikan jubileon: ĝi okazis je la 45a fojo de la 4a ĝis la 9a de septembro! La premio **Tibor Sekelj** por la plej homama teatraĵo estis atribuita al la **Pupteatro el Rijeka**.

**Judita Rey Hudeček** prelegis pri **Tibor Sekelj** en la zagreba biblioteko **Bogdan Ogrizović** la 26an de septembro 2012 por la membroj de kroata-hispana societo.

Malbona novaĵo: Kiel vi legis en la aprila **Tempo**: **Ministerio pri kulturo** reduktis la financajn rimedojn de KEL por la jaro 2012 kaj KEL ne plu havas eblecon financi la postenon de sekretario. Per la 30-a de septembro 2012 sekretariino de KEL **Spomenka Štimec** pensiiĝas post 40 laborjaroj. Tio signifas ke **KEL** ne plu havas konstantan tuttagan deĵoranton en siaj ejoj en la strato Knez Mislav 11. **Štimec** daŭrigas labori pri sekretariaj taskoj sen salajro. La fakto mem ke nia landa asocio povis havi postenon de sekretario de la jaro 1995 apartenas al la movadaj unikaĵoj. La unikaĵo ĉesis. La escepta periodo en la historio de **Kroata Esperanto-Ligo** alvenis al sia fino. Dankon al ĉiuj kiuj subtenis la funkciadon de KEL en tiu epoko.

Deĵoranto en la ejoj de KEL aktivas de mardo ĝis ĵaŭdo. Provizore lunde kaj vendrede deĵoras neniu. Bonvolu viajn esperantajn bezonojn daŭre trakti per la telefono 091 4617550.

Bela novaĵo por la kroata Esperantujo: **D-ro Velimir Piškorec** en septembro 2012 post siaj taskoj de vicdekano revenis al la lekciado ĉe la zagreba **Filozofia fakultato**. Tio signifas ke 25 studentoj de la germana lingvo partoprenas ankaŭ en la kolegio pri **Planlingvoj kaj Esperanto**. Venontsemestre ankaŭ ceteraj studentoj de la fakultato povos sekvi kurson pri **Interlingvistiko kaj sistemo de Esperanto**.

**Esperanto-Societo "Tibor Sekelj"** kunsidos ĉiun unuan merkredon ĉiumonate.

Malgraŭ la malfacilaĵoj, ni devas konstati ke agado de esperantistoj en **Kroatio** ne estas neglektinda.

Ni perdis du membrojn lastsomere: **Draško Toplak** kaj **Vjera Baletić**. Dankon pro ilia kontribuo al nia laboro.

Ni esperas, ke malgraŭ la malfavoraj kondiĉoj ĉirkaŭ ni tiu ĉi **Tempo** ne estas nia adiaŭa numero. Ĝis la venonta agado!

***Spomenka Štimec***

# RENKONTIĜO DE ESPERANTLINGVAJ VERKISTOJ EN KROATIO 2012

En iu aprila vespero de tiu jaro dediĉita al **Tibor Sekelj**, mi malkovris neatenditan retmesaĝon de **Spomenka Štimec:** "Ni ŝatus inviti vin al nia renkontiĝo de verkistoj por prezenti la francan tradukon de **Kumeŭaŭa**". Mi tuj respondis: "Sed la traduko ne ekzistas! Nur la unua ĉapitro. Mi rilatos kun la tradukinto". Tion mi faris. Ankaŭ mi tradukis la unuan ĉapitron, poste ni pridiskutis, kaj ni interkonsentis, ke mi ĝin faros: restis tempo antaŭ la somero.

Do, meze de septembro mi kun mia edzo flugis al Zagrebo, kie atendis nin **Siniŝa**. Poste **Zlatoje Martinov** kaj **Erzsébet Sekelj** kompletigis la grupon, kaj ek al la bieno **Njeguš.** Mirinda loko, magia. Aŭtunis. Deklivo, tera pado kovrita per juglandoj, kaj en la malsupro, Spomenka kiu venas renkonte al ni. Du beletaj dometoj, orte lokitaj kelkdistance unu de la alia. Tute renovigitaj tegmento, fasado, interno. Tamen en Mezeŭropa etoso. "Aŭtune, kiam la nebulo kovras la korton kaj kolomboj kunsidiĝas por varmiĝi sur la breto de la ronda tegmenteja fenestro, iu malforta odoro leviĝas. Tiel odoras la pasinteco" (fino de la verko **Tilla**). Poste mi scios, ke la Ministerio pri Turismo helpis por renovigi tiujn vinberejon, kaj la arto de **Spomenka** finpretigis la tuton. Feino en sia bieno ŝi estas. Mi demandis: "Ĉu estas la bieno de Tena? - Ne, nur parte: ĉi tie ŝi estis nur bofilino". Kiel en la fabeloj, la reĝino invitis nin al vespermanĝo kaj la tablo estis superkovrita per regalaĵoj. Poste ni rajtis eniri en la "muzean ĉambron" kaj en la kelon: vasta kelo, antaŭe dediĉita al fabriko de vino, kaj nun al ekspozicio pri La princino Louise de Belgique kaj al ŝia amato Geza, ĉar parto de ilia historio disvolviĝis tute apude. Jes ja, Spomenka ŝatas rakonti pri neordinaraj amaferoj kaj aldoni: "Ĉu ne ĉarme?" Ŝi eĉ enmetis en niajn manojn la libro de la grafo Geza Mattachich: **Folle par raison d'Etat: la princesse Louise de Belgique. Mémoires inédits du comte Mattachich**, 1904. (Taksita frenezulino, pro ŝtatpravigo: Princino Luiza de Belgio. Neeldonitaj Memoraĵoj de la grafo Mattachich).

La sekvantan tagon, en la kuirejo enoficiĝis **Jadranka** kiu preparas aliajn regalaĵojn por la tuta grupo atendota. Sed unue, loka televido filmas la gastigantinon kaj la gastojn. Ni interparolas, por elmontri, ke Esperanto vivas kaj funkcias. Je la 11h00 alvenas la grupo de **Rijeka**. Jes, oni venas de malproksime. Nome de sia klubo, ili enmanigis al ni la verkon **Pirgo, la kapreolido**, de **Anđelka Martić.** Kursoj gviditaj de **Zlatoje Martinov** el **Serbio**, aŭ de **Davor Klobučar** kaj mi okazas dum la aliaj partoprenantoj alvenas. La prezidanton de la Kroata Esperanto-Ligo, **Judita Rey**, kun kiu mi konatiĝis dum niaj studjaroj pri Interlingvistiko en **Poznano, Pollando**, mi retrovas kun plezuro, kaj ŝi faras sian devon: mallongaj bonvenigaj frazoj. Kompreneble Spomenka siaflanke faras same kaj prezentas la riĉan programon. Je la unua posttagmeze estas tempo por malkovri tutan belan porkaĵon kaj gustumi ĝin akompanatan de diversaj legomoj, salatoj, vinoj (mi rekonas botelon el **Vipava, Slovenio**) kaj je la dua kaj duono, stranga bruego aŭdiĝas. Bruo? Tute ne! Nigre-ruĝe vestita kiel muskedisto, junulino **Kaja Farszky** mirinde bastonetludas partituron ĉe eta klarsona tamburo ("caisse claire" en la franca), longe, vigle, akrobate. La ruĝa plumo de ŝia ĉapelo kaj ŝia ruĝa vipeto sekvas ŝiajn movojn. Ni ĉiuj miras, ke eblas eltiri tiom da malsimilaj notoj de tia instrumento.

La ĉefa temo de la renkontiĝo estas omaĝo al **Tibor Sekelj**, kiu naskiĝis antaŭ cent jaroj. Ni spektis intervjuon kun li en la kroata, filmita en bestĝardeno, kie li nutras samtempe elefanton per brasik-folioj! Frandema estas la elefanto! Kvankam mi tute ne konas la kroatan, estis interese aŭskulti la melodion de tiu lingvo en kiu por mi malmulte da trakompreneblaj vortoj aperas. **Zlatko Tišljar**, la unua, omaĝas lin, poste **Zlatoje Martinov** analizas unu el liaj maloftaj poemoj. **Erzsébet Sekelj** bele prezentas la diversajn eldonojn de la neesperante verkitaj verkoj de sia edzo. Li verkis ĉefe, vojaĝrakontojn, **Tempesto sur Akonkagvo** kiel la unuan, **Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo** kiel la plej tradukitan en - ĝis nun - 22 lingvojn. Do, jen kroata legado de la unua ĉapitro per la profesia aktoro **Ivan Ožegović**, poste la prezentado de la malfacilaĵoj renkontitaj en la traduko far **Anne Jausions** (Ha! Tiuj –is formoj je la unua persono plurale tradicie tradukotaj per "le passé simple" en la franca, sed ne eblas difekti la orelojn de la legantoj per tro da -âmes, -îmes, -înmes, -ûmes formoj: "nous naviguâmes, nous nous assîmes, nous parvînmes, nous aperçûmes": en la rakonto ne temas pri monduma salono el la 18-a jarcento, sed pri la amazonia praarbaro. Necesas elturniĝi.)

Post legado de alia ĉapitro en la kroata, **Zlatoje Martinov** rekomendis la libron de **Zdravko Seleš**: **Snovi i sjene, Senje i tenje, Sonĝoj kaj ombroj.** Tre plaĉas al mi la koncepto de tiu libro, kiun mi ricevis poste donace: ĝi estas trilingve verkita, sed ne temas pri traduko, la verkisto laŭ inspiro kaj temo esprimas sin per unu el la tri lingvoj de li regataj: en la kajkava (unu el la tri kroataj dialektoj), en la kroata, kaj en Esperanto, "ĉiuj tri estas malgrandaj, kaj al mi gravas ĉiuj tri. Mi sonĝas, pensas kaj verkas en tiuj tri lingvoj". Ĉiuj libroj pri kiuj mi parolas estas eldonitaj ĉe **Grafokom** de **Josip Pleadin**, kiu donacis al mi la verkon **Antigono** de **Anouilh**, tradukita de **Roger Imbert**, kiu vivis longe en **Zagrebo**. Poste, reveninte hejmen, mi kontrolos ke mi posedas la **Antologion Moderna Kroatia Prozo**, tradukitan de tiu **Roger Imbert**, kiun mi aĉetis de **Lena de Zilah**, sed



***Kaja malfermas la Renkontiĝon*** Fotis Spomenka Štimec

kiu dormas sur unu el miaj bretoj! Tiaj tagoj de verkistoj – kaj de legantoj - atingos sian celon: mi ne atendos kvar pliajn jarojn por legi almenaŭ parton de ĝi, des pli ke la traduko de la verko de **Colette Le blé en herbe** (La verda tritiko), far tiu sama **Roger Imbert** tre plaĉis al mi.

Post la kafpaŭzo, je la 6a vespere – ja, la trajno al Zagrebo foriros nur je la 8a - komenciĝis la koncerto de **Neven Mrzlečki**, en la kelo. Ni estis lulitaj per belaj amkanzonoj. Kaj ni adiaŭis unu la aliajn, sed ni, gastoj, havis la privilegion plu resti en la feina etoso de la bieno. Tamen ni devas plenumi nian taskon: skribi en la "ora libro". Tion mi volonte faris: ne mankas ideoj por gratuli, nian Spomenka kompreneble, sed mense ankaŭ la **Akademion Literaturan de Esperanto** kaj la kroatan **Ministerion pri Kulturo** kiu helpis. Malferminte la elegantan paĝaron, mi havas la plezuron retrovi vortojn de **Eŭgeno** kaj **Lena de Zilah**, de **Gerrit Berverling**, skribitajn la 17-an de julio 2004 survoje al OSIEK-Konferenco kiu okazis en Pécs, en la proksima Hungario, organizita de **Višnja Branković**, kiu nun ĉeestas kun ni en **Njeguš**.

La sekvantan tagon ni ekskursis al la loko kien falis la poste nomita la **Hraŝĉina meteorito**, la unua dokumentita per protokolo, en la epoko de la imperiestrino **Maria-Tereza**, la 26an de majo 1751, kaj poste al **Varaždin**, iama ĉefurbo de la lando, nobelaspekta, kie la palacoj estis rekonstruitaj barokstile post la giganta incendio de 1776. Muzeo pri insektoj kaptis nin pro sia beleco. Tre pedagogia ĝi estas: rigardante la montrofenestrojn ni scias pli pri la intima vivo en formikejoj, termitejoj, abelujoj.

Kaj finfine, alia ekskurso al **Selce** ĉe **Adriatiko** por tranokti unufoje en nia vivo en **Hotelo Esperanto**!

***Anne Jausions***

# LA KARIERO DE LIBROJ DE TIBOR SEKELJ

**Marjorie Boulton** skribis en unu letero al Tibor: "Se via nomo restos en la historio de literaturo, tio certe okazos pro tiu ĉi libreto." Pri kiu libreto temas? Kompreneble pri **Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo** la plej sukcesa, al la plej multe lingvoj tradukita libro de mia edzo. Ĝis nun tradukita kaj eldonita en 23 lingvoj. (Ekzistas jam pluraj tradukoj, sed ankoraŭ ne eldonitaj.)

Vojaĝante per ŝipeto sur la rivero **Aragvaja** okazis ŝiprompiĝo. Kiam la 30 personoj sidas sur insulo meze de la rivero, senhelpaj, sen manĝaĵo kaj sen la eblo trovi ĝin, tiam aperas junulo el la tribo **Karaĵa** kaj per sia lerteco, kaj kono de la arbara vivo li trovas al la ŝiprompiĝuloj manĝaĵon kaj helpas ripari la ŝipon. La aŭtoro akompanas lin dum tri tagoj kaj multon lernas de li. Tio estas la mallonga enhavo de tiu ĉi junulara romano.

Ĝi estis originale verkita en Esperanto en 1956 sed nur en 1979 estis eldonita en nia lingvo. Unue ĝi aperis en la slovena lingvo en 1957 kun la titolo **Kumevava, sin pragozda** en la traduko de **Nina Vidervol**.

Mi havas indikon, ke en la sama jaro estis eldonita ankaŭ en la turka lingvo, eldonis **Ceilan** en **Istanbulo**, sed ĝi mankas en mia kolekto kaj la libron mi neniam vidis. Tamen, kiam mi parolis pri 23 lingvoj en kiuj oni eldonis la libron, mi enkalkulis ankaŭ tiun ĉi tradukon.

La plej grava, kiam Kumeŭaŭa fariĝis "nemortema" estis la 15a eldono, en la japana lingvo. La 18an de marto 1983 eldonis la libron **Fukuinkan Shoten** en **Tokio**, unue en 7000 ekzempleroj kaj poste entute en 300.000 ekzempleroj. Mi citas el la letero de s-ino **Hukunaga Makiko** (la redaktisto de la libro): "Post longa laborado finfine eldoniĝis la libro, nome, via **Kuemŭaŭa, la filo de la ĝangalo** en japana traduko... Ĉe ni Kumeŭaŭa estas akceptita kun bona reputacio. Ĝis nun 5 grandaj ĵurnaloj (kaj tutlandaj kaj lokaj) recenzis ĝin. Ankaŭ atingis nin voĉoj de legintoj, kiuj deziras legi pluajn verkojn de s-ro **Sekelj**. Rezulte la libro bone vendiĝas, kaj ĝoje estas, ke ni povas anonci al vi la represon (3000 ekzempleroj) en la lasta de tiu ĉi monato. Tio tre kuraĝigis nin ankaŭ pri la estonta eldono de **Akonkagvo**. Ĉar nun la nomo **Tibor Sekelj**, ja konatiĝis ĉe ni kiel tiu de bona verkisto."

Kiel skribas la ĵurnaloj pri la libro?

**Nihon - Keizah - Sinbun** (tagĵurnalo **Japana Ekonomio**) la 16an de aprilo 1983: " Kun agla plumo ĉe la kapo, ĉi tiu senvesta knabo de la primitiva mondo estas sagaca kaj saĝa, brava, afabla kaj ĝentila. Post la tralego enfluas io varma ankaŭ en la koron de la leganto. La libro temanta pri raraĵoj fremdaj legiĝas sen ia perdo de intereso dank' al la vigla, belritma stilo. Allogas ankaŭ la realecaj ilustraĵoj. Ĝuinda ankaŭ por plenkreskuloj."

**Mainti - Sinbun** (tagĵurnalo **Mainti**) la 10an de aprilo 1983.: "La verkon oni povas taksi klasika, el la vidpunkto, ke ĝi celas priskribi la valoron de la naturo, komparante la civilizon kun la naturo enkarnigita en la indiana knabo."



*Erzsébet Sekelj*

**Asahi - Sinbun** (tagĵurnalo **Asahi**) la 28an de aprilo 1983 sub la titolo **Altetaksinda aventurromano** skribas: "...estas senspire legebla aventurromano ankaŭ en la japana versio. Multaj spertoj de la aŭtoro kaj travivaĵoj vivas ankaŭ en tiu ĉi verko kaj donas al la legantoj tremigajn emocion kaj realecon ... en la priskribado de la bestoj kaj naturo regas tia beleco, kian ni sentas en fajnaj eposoj."

**Nisinihon - Sinbun** (tagĵurnalo **Okcidenta Japanio**) la 26an de aprilo 1983 sub la titolo **Jugoslava verkisto debutas en Japanio** skribas: "Sekelj estas jugoslava verkisto kaj avanturisto, kiun unuafoje prezentas al la japana publiko ĉi tiu libro. Li restadis en Sud-Ameriko dum 15 jaroj por etnologiaj esploroj de



*Japana traduko de Kumeŭaŭa prezentita en Zagorje.* Fotis S. Štimec

Amazonaj regionoj k. s., kio donas al lia plumo animkaptan dinamikon kaj nuancplenan registrivon. La traduko en konciza, suka stilo ne lasas ekleginton ĝis la fino. Kaj jen raraĵo, ke la originalo estis verkita en Esperanto."

La tradukisto al kiu la libro anakŭ povas danki ĝian eksterordinaran sukceson estas Sinjoro **Takasugi Itiro**. Li estas specialisto pri la angla literaturo, profesoro en la **Universitato Wako**. Li mem ankaŭ estas verkisto, kies verko "En la ombro de poluslumo" gajnis grandan popularecon. Al ĝia luksa aspekto kontribuis ankaŭ la belaj ilustraĵoj kiujn desegnis **Matuoka Tatuhide**.

La interesiĝo de la legantoj eĉ post unu jaro ne malkreskis, sed kontraŭe pligrandiĝis. Pri tio sciigas la aŭtoron sinjorino **Hukunaga Makiko** kiu skribas en sia letero la 18an de aprilo 1984.: "En antaŭaj leteroj mi informis al vi, ke post eldoniĝo la libro ĝuas tre bonan reputacion en **Japanio** kaj ni ripetadas pluajn eldonojn. Antaŭ kelkaj tagoj informo venis al nia firmao ke **Kumeŭaŭa** estis elektita kiel unu el dekkvar rekomendataj libroj por libroesea konkurso. La konkurso estas tiel granda ke la elektitaj libroj bonege vendiĝas, kaj ankaŭ pri nia **Kumeŭaŭa** ni povas antaŭvidi pli ol centmil ekzempleroj da vendosumo. Tiu nombro estas eksterordinare granda kiel tiu de porinfanaj libroj ... Tio ĝojigis kompreneble nian estraron de la kompanio, kaj ili decidis, profitante tiun ĉi okazon inviti vin al **Japanio**, kaj peti prelegojn ... Mi persone kredas, ke via vizito bone influus vendiĝon de la libro kaj fariĝus tre efika propagando de Esperanto."

Nature **Tibor** akceptis la honorigan inviton kaj vizitis **Japanion** por renkontiĝi kun la etaj legantoj, kiuj ŝatis ekkoni la verkiston de tiu ĉi ekscita romano. La vizito okazis inter la 7a kaj 14a de julio 1984. Pri la eventoj, travivaĵoj kaj renkontiĝoj ni aŭskultu kion enskribis Tibor en sia taglibro:

"14. 07. 1984. Sabato

Ĵus finiĝis mia "laborsemajno" en Japanio, kiu pasis kvazaŭ triumfa marŝo. Nur la konstanta premo de tempo kaj de la karaj gastigantoj, organizantoj, interpretistoj, amikoj ege lacigis min...."

Ĉiu verkisto konas la ĝojo-senton ekvidinte sian novan libron. La apero de ĝis nun menciitaj libroj estis ĉiam iaspeca festo al **Tibor** kaj al liaj familianoj kaj amikoj. En oktobro 1988 aperis la hungara traduko de **Kumeŭaŭa** de s-ro **István Ertl**, la unua libro kiun Tibor jam ne povis teni en siaj manoj, sed kies aperon li jam ege atendis. Eldonis ĝin la **Hungara Esperanto-Asocio** en **Budapeŝto** en 50.000 ekzempleroj.

La libro aperis ankaŭ en **Nepalo** en 1990 aŭ 1991. Mi ricevis la libron en 1991, sed mi ne estas certa, ĉu ĝi ne aperis jam unu jaron pli frue kaj el la libro mi ne povas diveni. La tradukon faris **Gamvir Man Shresta**, kiu komencis lerni Esperanton ĉe **Tibor** dum lia sesmonata restado en **Nepalo**. Eldonis ĝin **Jogamba Instituto de Esperanto** en **Katmandu**.

La lasta apero de **Kumeŭaŭa** okazis ĉi-jare kvazaŭ jubilea naskiĝtaga donaco la 17an de februaro en **Seulo** en **Korea Respubliko** ĉe la eldonejo **Silcheon Munhak**. Tradukis ĝin **Ombro Jang**. En la libro estas tiom bonaj la ilustraĵoj, ke meritas mencii la nomon de la pentristo **Cho Tae-Gyeum**. Mi petis informojn pri la akcepto de la libro en **Koreio** kaj la tradukisto s-ro **Ombro Jang** skribis la jenon: "La recenzoj pri la libro aperis en kvin taĝjurnaloj. La taĝjurnalo **Kyunghangsinmun** komentis la libron: "ĝi diras per la buŝo de eta filozofo, ke la granda naturo estas la instruisto de la vivo". Alia taĝjurnalo **Busanilbo** komentis la libron: "ĝi montras saĝon kaj veron de la granda naturo". Krome 20 blogantoj esprimis sian impreson post la lego kaj forte rekomendis la libron por la bona libro por infanoj. En marto **Seula Metropolitana Oficejo** elektis la libron **Kumeŭaŭa** unu el la rekomendindaj libroj por elementaj lernejanoj".

Do, mi esperas, ke la sukceso de tiu ĉi libro estos daŭrigata.

Post **Kumeŭaŭa** laŭ **Tibor** la plej eldoninda kaj plej eldonebla libro estas la **Mondo de travivaĵoj**. Malgraŭ tiu ĉi deklaro, mi ne povas diri, ke ĝi atingis multajn eldonojn. Krom la du esperantlingvaj eldonoj en 1981 kaj 1991 ĉe **Edistudio, Pizo**, ĝi eldoniĝis nur trifoje. La unua nacilingva eldono anticipis la originalon en 1976. Ĝi estis la serbkroata traduko, kiun eldonis



Fotis Erzsébet Sekelj



Fotis Tomislav Divjak

**Veselin Masleša** eldonejo en **Sarajevo** en 5000 ekzempleroj sub la titolo **Na tragu doživljaja**. Pri la libro oni ne trovas multajn recenzojn kaj kritikojn.

La literatura revuo **Rukovet** en sia numero 9-10 en 1977 sub la titolo **Vivo kiel vojo** opinias ke: "Per tiu ĉi libro de **Sekelj** ni fariĝis pli riĉaj, pli saĝaj, pli komprenemaj, pli sanaj, pli liberaj, pli puraj, pli homaj. Ĝi estas antaŭ ĉio teksto vojaĝpriskriba-travivaĵa, sed el la literatura vidpunkto ĝin ornamas simpleco de frazoj, kondensiteco de la parola elemento, beleco de priskriboj, ekscitiga diverseco de la enhavo, naturaj metaforoj kaj vereco de travivaĵoj. Krom tiuj kvalitoj tiu ĉi libro de **Sekelj** havas ankaŭ sciencan valoron kaj preskaŭ lernolibran aplikecon".

La kritikoj ne mencias, sed foliumante la libron mi tre bedaŭras, ke ĝi estas sen ilustraĵoj.

Ĝia hungarlingva traduko eldoniĝis same en 1981 kiam la esperantlingva, ĉe la eldonejo **Gondolat** en **Budapeŝto**. Supozeble estis kritiko aŭ recenzo ankaŭ pri ĝi, sed bedaŭrinde en mia kolekto mi ne trovis ilin. Tamen la fakto mem, ke la 35.000 aperintaj ekzempleroj dum ses monatoj vendiĝis, parolas per si mem.

Se ni dezirus, ke la vico de la originale Esperante verkitaj kaj al nacilingvoj tradukitaj verkoj estu kompleta, ni devus paroli ankoraŭ pri du verkoj. Sed ĉar en mia kolekto ne estas dokumentoj pri la akcepto de la nacilingvaj tradukoj de tiuj libroj, nek menciindaj kritiko aŭ recenzo, mi nur tuŝas ilin. **Ĝambo rafiki - la Karavano de Amikeco** tra **Afriko** - la priskribo de unujara vojaĝo tra la landoj de **Orienta Afriko**, antaŭ sia esperantlingva eldono en 1991 jam aperis en albana (1964), serbokroata (1965), slovena (1965) kaj hungara (1965) tradukoj.

La alia verko, **Elpafu la sagon** mem estas traduko el la buŝa poezio de la triboj de la mondo. Pri ĝi skribas **Li Shijun Laŭlum** en la revuo "Esperanto" en 1984 en la julia-aŭgusta numero: "Jen unika verko en la Internacia Lingvo, kolekto de 137 buŝaj versaĵoj rikoltitaj de la fame konata etnografo **Tibor Sekelj** dum liaj esplorvojaĝoj, kiuj havigis al li ŝancojn lerni lingvojn de malgrandaj popoloj, kolekti kaj esperantigi iliajn buŝajn poemojn. Tiu ĉi poemaro tradukita el 24 lingvoj similas al bukedo de sovaĝaj floroj plukitaj dum ekskurso, freŝaj kun natura belo".

La esperantan originalon, kiu aperis en **Rotterdam** en 1983 anticipis la albana (1979) kaj la makedona (1981) tradukoj. Al la serbokroata tradukis ĝin la aŭtoro mem kaj la eldonaĵon ornamas liaj ilustraĵoj. La libro eldoniĝis ĉe la eldonejo **Bagdala** en **Kruševac** en 1986.

Sub la nomo de **Tibor Sekelj** aperis en 1985 unu malgranda libro, tiel nomata "mini libro". Ĝi estas 100-lingva. Sur ĉiu paĝo de tiu ĉi libro estas legebla nur unu vorto. Laŭ **Tibor** tio estas la plej grava vorto en la mondo. Li bone sciis kial, sed multaj el ni tiam, kiam ĝi aperis ankoraŭ ne sentis la gravecon de tiu ĉi vorto. Poste venis tempo kiam ni ankaŭ sopiris, ke estu PACO, MIR, BÉKE, PAX kion oni trovas sur la paĝoj de tiu ĉi libreto.

***Erzsébet Sekelj***

# UNIVERSALISMOJ EN LA POEMO DE TIBOR SEKELJ
## *MI VIZITAS MIAN FARMON*

La poemo **Mi vizitas mian farmon** estas sendube la plej konata kaj la plej bela poemo de **Tibor Sekelj** verkita en Esperanto. Ekzistas ĝiaj du serblingvaj tradukoj. Unuan faris la aŭtoro mem en la subotica literatura revuo **Rukoveti** (1984), kaj la duan **Zlatoje Martinov** en la beograda tradukrevuo **Mostovi** (1989). La poemo konsistigas la plej kosmopolitajn kaj universalecajn ideojn de la aŭtoro.

La esenco de la estetika funkcio de ĉiu arto estas universaleco de la literatura mesaĝo. Ĝi ebligas bazon por la renkontiĝo, konatiĝo kaj stimulo ne nur de poezio sed ankaŭ de aliaj literaturaj disciplinoj el ĉiuj partoj mondaj, precipe de tiuj kiuj pretas eliri el siaj mallarĝaj limoj kaj eniri kosmopolitan kaj internacinivelan spacon, samtempe starigante la antropologie plej gravan demandon: kiuj, kio kaj de kie ni estas kaj fine konkludi: **unuj ni estas**. La universalecoj ne respeguliĝas en la lingvo kaj stilo, ĉar ekzistas multaj kaj diversaj lingvoj, samkiel multaj kaj diversaj stiloj, sed en la simbola kaj metafora niveloj kaj en la emoci-psikologia kaj filozofia planoj de la literatura verko. Ĉu ekzistas io pli universala ol la homaj sentoj, deziroj, intencoj, esperoj...? Tial la universalecoj kiel la antropologia fakto, simple kaj nature naskas la eblon ke homoj kaj popoloj eĉ tiam kiam ili ne estas en bonaj rilatoj inter si, tamen komuniku kaj interŝanĝu ne nur siajn varojn, sciojn kaj spertojn, sed ankaŭ siajn belartajn atingaĵojn.

Tiajn principojn de la universaleco konsistigas la literatura kosmopolitismo de **Tibor Sekelj**. La fakto ke ĉi tiu poemon li verkis esperantlingve, nur pli fortigas la universalecon. Do, lia poetiko iĝas sencoplena ĝuste kiel konfirmo de la principo de universaleco. Harmoniigante la diversajn intelektajn farojn de l' homo, tiela poetiko devas respondi al la esenca problemo kiu estas starigita en la poemo. Tio ne nur estas demando rilatanta al la naturo sed, antaŭ ĉio, temas pri la homa rilato al la mondo.

Per la propra vivoekzemplo, **Sekelj** ankaŭ en ĉi tiu poemo – same en la aliaj siaj verkoj – volis atingi la limojn de alia pensmaniero ol tiu kiu momente difinas niajn vivojn en la mallarĝaj naciaj kaj regionaj limoj. Homo en la antropologia vidpunkto estas la mastro de la planedo kaj **Sekelj** lin senhezite invitas ekkoni la geografiajn mondopartojn en kiuj vivas liaj antropologiaj fratoj. Li devas ekkoni la planedon sur kiu li vivas samkiel bona mastro bone konas siajn domon kaj bienon. Nur tiel li povus ĝin tutkompreni kaj konservi ĝiajn naturajn donacojn. Interligo de Homo kaj Naturo, por Sekelj estas tre bezonata, ĝi estas **conditio sine qua non** de la homa ekzisto.

Sed Homo, samkiel ĉiu mastro, ankaŭ havas grandan respondecon por la konservo kaj savo de l' planedo metafore komprenita kiel la homa farmo:

*Mi devas vidi ĉu mia bieno ankoraŭ funkcias kiel ĝi devas:*
*ĉu ĝustatempe estas semata la semo, kaj ĉu la rikolto farata*
*ĝustatempe.*
*Kaj mi devas riproĉi la pluvon malfruan,*
*kaj laŭdi per ŝultrofrapetoj la aperon de matena sunradi'.*
*Estas devo mia mezuri per paŝoj la montojn plej altajn*
*de l' Universo.*

*por scii ĉu la inĝenieroj ne trompis min je kelkaj metroj.*
*Kontrolendas nepre, ĉu en la iglo eskima vere ne estas malvarme,*
*kaj ĉu estas vero, ke en Hindujo nur blankturbanaj*
*hindoj promenadas.*
*Kiel mi povus scii, ĉu estas pli bona la kafo en Gvatemalo*
*aŭ en Etiopio,*
*antaŭ ol gustumi la nigran nektaron en ambaŭ lokoj!*

La esenca poetika kredo de **Tibor Sekelj** estas tezo ke la homa mondo, pro la antroplogia sameco estas nedividebla laŭ la rasaj, naciaj, konfesiaj, politikaj k. s., karakterizoj. Ni ĉiuj enspiras la saman aeron, uzas la samajn aŭ la similajn donacojn naturajn, ni ĉiuj estas minacotaj pro la militaj aŭ la naturaj katastrofoj, ĉiuj ni havas la samajn sentojn kaj emociojn (doloro, malespero, ĝojo, tristo). Tial en la poemo ni renkontas la eksplicitan penson de **Sekelj** pri la neceso de intermikso de la diversaj tradicioj kaj kulturoj por riĉiĝo de la tuta sumo de homaj scioj kaj larĝiĝo de la homaj intelektaj kapacitoj.

Sed same, estas necese ĉion kontroli per sia sperto, ĉion pruvi per siaj okuloj, por pli bone kompreni kaj ekspliki la mondon.

*Al Lhasa mi intencas iri, por ekkoni la Dalai-Lamaon,*
*kaj al Usono, por premi la mano de Joe Louis.*
*Tiel mi povos riproĉi ilin, se iun tagon mi renkontos*
*la tibetan sanktulon ludantan bilardon en iu kafejaĉo*
*de Buenos Aires,*
*aŭ la boksiston preĝantan en Meka, antaŭ la Kaba Ŝtono.*

Apoginte ĝuste sur la diverseco de la geografiaj mondregionoj, **Sekelj** en la poemo fakte priskribas eblajn vojojn de homa lernado, malfermante al la leganto la veran riĉejon de eblecoj sed ankaŭ tiun de necesaj scioj por ke la vojoj estu sukcesaj kaj senĝenaj. Same, homo devas esti kuraĝa dum la vojaĝo entreprenita por ekkoni la mondon. Li ne rajtas heziti, timi kaj rezigni post la unuaj eventualaj malagrablaĵoj dumvojaj :

*Kaj kiam malsekigas min petola somera pluvo,*
*kiel pruvo de pento la ĉielarkon ĝi sendas, timante riproĉon mian.*
*La formikoj suriras miajn krurojn, kaj la dornoj penetras*
*la haŭton,*
*por preni sian parton de la sango de l' Homo, sia granda sinjor'.*

En la menciita ekzemplo pri la dornoj kaj formikoj, la estetika dualeco troviĝas ĉe la limo inter la du opozitoj: la homa instinkto detrui kaj ekscio ke ankau la formikoj kaj dornoj estas vivestaĵoj, la integra parto de la tuta globo. La perforta ĝeno de Naturo estas danĝeroplena ĝuste por Homo. Samkiel mastro de iu farmo ŝatas la bestojn en sia farmo, tiel ankaŭ Homo kiel antropos devas ŝati la vivestaĵojn kiuj kun li kunvivas: sovaĝajn bestojn, plantojn, insektojn, reptiliojn... Tiam ili ĉiuj estos dankemaj al li:

*Dum vagado tra arbaroj, la birdoj gajege min salutas.*
*Serpentoj kaj testudoj respektoplene kuras al siaj kavernoj...*
*...Je vesperkrepusko, kiam mi iĝas meditema,*
*per purpur' amema sin vestas la ĉiel',*
*por karesi miajn lacajn palpebrojn.*

Ili ĉiuj (la bestoj kaj la plantoj) kune kun li kiel mastro faras la impresplenan kaj neatingeblan belecon de la Dikreado, fakte faras la unuecan estetikon de ĉies tutekzisto:

*Kaj mi... ĉiujn ĉi riverencojn akceptas kun kompleza rideto,*
*per svingeto malpeza kaj bonvolema respondante,*
*kiel decas al bienulo vizitanta sian farmon*
*dividitan laŭ ses kontinentoj,*
*de sep maroj ĉirkaŭitan.*

La specifan belecon en sia poezio **Tibor Sekelj** esprimas per metaforaj bildoj. Tiu iomete idealista mondokompreno ŝanĝas la ĝeneralan opinion pri la mondeblecoj, same ĝi ŝanĝas la vizion de tiu kiu aktive partoprenas tiun sperton. Sekelj posedas tiun ĉi vizion kaj li deziras interŝanĝi ĝin kun la aliuloj, kun siaj antropologiaj fratoj. Li forte kredas ke lia mondkompreno, ke lia poetika paradigmo devus iĝi posedaĵo de ĉiuj homoj, de la tuta homaro. Kvankam multaj riproĉas lin ke tio ne eblas, Sekelj kvazaŭ dirus: se mi tion spertis, do, tio signifas ke eblas. Li, kiel konate, ne vivis nur en sia poezio, en siaj libroj: ilin li aktive vivis dum siaj multnombraj vojaĝoj tra la tuta mondo, kiun li ĉiam sentis sia domo, sia farmo kiujn li devis per ĉiuj siaj fortoj gardi kaj konservi.

*Zlatoje Martinov*

## SORĈA ŜALO

Du pingvenoj frostmortis
tri eskimoj aĉe vortis
ĉar iliaj nazoj frostis
kiam ili fiŝojn rostis.

Nur mi promenas dande frande
tra Parizo, rand' ĝis rande
ĉar sur monto kaj en valo
min protektas sorĉa ŝalo.

La plej longa de la mondo:
de Maribor' ĝis Subot'co.
kvarcent okdek kilometrojn
- kaj pluajn kelkajn centimetrojn!

Sed ne la longo nek la denso
donas al ĝi varmon, ĉarmon:
lertaj manoj, nobla penso
entrikis en ĝin korvarmon.

*Tibor Sekelj*

*Muzikon komponis Jacques Le Puil.*

# LA POEZIO DE SUBTILA LIRISMO

## Zdravko Seleš, SNOVI I SJENE /SENJE I TENJE/ SONĜOJ KAJ OMBROJ, Đurđevac, 2012.

*"Mi sonĝas, pensas kaj verkas en tri lingvoj. Ĉiuj tri estas malgrandaj kaj tial mi ne povas forlasi iun ajn el ili, tial al mi gravas ĉiuj tri"*, diras la aŭtoro en la enkonduka vorto de sia libro, kiu estas siaspeca miksaĵo de poezio kaj prozo verkita en la kroata literatura lingvo, kajkava dialekto kaj esperanto. Plejmulto de la libro apartenas al poezikreado sed oni en ĝi trovas ankaŭ la eseojn kaj prozaĵojn. Parto de la poezio jam estas publikigita en diversaj kroataj literaturaj revuoj, plejmulton tamen la aŭtoro publikigas ĝuste en tiu ĉi kolekto.

**Zdravko Seleš** estas antaŭ ĉio poeto. Eĉ kiam li verkas prozaĵon. Teksita el fadeno de la plej belaj sonĝoj, poezio de **Seleš**, ĝenerale dirite estas poezio de subtila lirismo, negrave ĉu temas pri la ampoezio verkita en la kroata aŭ pri la poezio dediĉita al la naskoloko de la aŭtoro versita al la kajkava dialekto. La beleco de la poetaj bildoj kiuj la poeto ĉerpas el sia infanaĝo montras liajn neforgesitajn sentojn ligitajn al la naskoloko kaj al sia praula tradicio. Por la aŭtoro tio estas eĉ siaspeca krea instigo. Oni tion povas eksplicite vidi ekzemple en la poemo **Fala im** (Dankon al ili):

*Japica so zdavna*  
*Šulca punoga dobri reči*  
*Stepli na me*  
*Ne čudo kaj*  
*Tu i tam nekoja*  
*Zraste v pesmo.*  
*Fala im!*

La praula tradicio, vortoj kaj rakontoj kiujn liaj praavoj "elverŝis sur lin" ("stepli") profunde eniĝis la knaban memoron. Bildoj el la infanaĝo ankaŭ en la aliaj poemoj ne paliĝas, kontraŭe, ili ricevas nostalgiajn tonojn, kiel ekzmeple ne la kurtforma poemo **Maček** (Virkato):

*V kujne mrak je.*  
*Noč dojađa.*  
*Japa raspre stara vrata,*  
*Strese snega i zdenjavo*  
*Stiščemo se bliže f čošek*  
*Tam se žoti maček žari.*

Tiuj ĉi idiliaj bildoj, pastoraloj fakte, estas esprimitaj per lapidara lingvo, per lingvo-dialekto kiu pli kaj pli malaperadas. Oni havas impreson ke **Seleš**, kiu parton de sia poeta kreado dediĉas ĝuste al la kajkava lingvo, ne devas speciale serĉi la esprimrimedojn, ili simple mem aperas sekvante la aŭtorajn pensojn kaj sentojn. Ekirante el la fakto ke la poezikerno troviĝas en la lingvo en kiu la poezio naskiĝas, **Seleš** en ĝin enspiris ian specialan rudimentan forton, kiu fakte ebligas al li disciplini sian poetan penson je lapidara kaj kompakta verso. Vere estas granda scipovo esprimi tiom da grandvaloraĵoj el la riĉega kultura tradicio de iu regiono, de iu lingvo eĉ se tiu lingvo havas karakteron de dialekto. (Sed ĉiu dialekto, eĉ la plej malvaste parolata, fakte estas memstara lingvo, la nomo "dialekto" estas tamen simpla lingvistika konvencio).

Al la t.n. "kajkava" parto de la kolekto apartenas tre impresiva poemo sub titolo **Elegio de Sigismundo Ernušt**, la peĉuha episkopo kaj banuso de Kroatio, Dalmatio kaj Slavonio el la 15a jarcento, kiu aparte estis ligita al Podravina regiono kaj al urbo Đurđevac, kie onidire estis lia sidloko. Kvankam ne kroato sed hungaro, la banuso sincere apogis la kroatan batalon kontraŭ la turka invado. Li eĉ brave defendis la kroatajn landojn. Liaj vortoj:

*Čovek je odonod*  
*Gde je čvrsto stal*  
*Gde oče kosti ostaviti*  
*Seme za vreme prihodeče*

*(Homo tien apartenas*  
*kie li forte enradikiĝis*  
*kie li volas lasi la ostojn*  
*kaj semon por tempo venonta)*

atestas pri homo kun tre fortaj moralaj principoj kaj pri lia amo por la tuta Podravina regiono. Verkitan kajkavlingve kaj fare de la aŭtoro tradukitan Esperanten, la elegion povus legi ankaŭ tiuj kiuj konas la internacian lingvon.

En la libro troviĝas ankaŭ kelkaj poemoj originale verkitaj (versitaj) en Esperanto. Inter ili la plej




impresiva sendube estas poemo **Nun mia patro en la ĉielo.** La doloron pro la patra morto trankviligas la ekscio pri la eterna paco tie, en la ĉielo "ĉe nia patro en la Ĉielo", pri mildeco kaj senzorgeco de la eterna vivo. Tamen, kredas la poeto, lia patro mem atenteme aŭskultas preĝojn de la filo al la Patro en Ĉielo. La poemo sendube meritas esti tradukita ankaŭ kroatlingven, se ĝi jam ne estas enkroatigita.

Eĉ parto de la ampoezio prezentita en la kolekto estas ligita al Đurđevac, naskoloko de la poeto. Tio estas komprenebla afero ĉar li ankoraŭ vivas kaj laboras tie. La plej impona poemo el tiu ciklo certe estas **Lipanj, đurđevačka predvečerja** (Junio, la vesperkrepusko en Đurđevac). En pitoreska Đurđevac kie la naturbeleco simple alvokas la romantikajn sentojn, alvokas amon, por la poeto neio estas pli bela ol la printempa atendo de varma somero en Đurđevac. Junio kiam tra aero sentiĝas odoro de tilioj estas ĝuste plej konvena monato por enamiĝi, por flirti, por amindumi. Tial la poeto diras:

*I uistinu, kao Trnoružicu,*  
*budiš me ljubeći me:*  
*u vakuumu kojem se prepuštam*  
*ne postoji ništa, ni dani, ni godine;*  
*samo lipanj, vječiti lipanj*  
*otvorenih prozora*

Tamen unu el plej belaj ampoemoj en la kolekto, kun altaj beletraj valoroj, sendube estas poemo **Da mi je ući** (Se mi povus eniri):

*Da mi je ući u sobu*
*Gdje je sag*
*S otiscima tvojih*
*Bosih nogu*
*Gdje se sve stvari*
*Pomiču s tobom*
*Poprimajući odraz tvoga tijela*
*Taj fini eros sobe*
*Zagrljaj fotelja*
*Ljubavni uzdisaj kreveta*
*Mekih perina*
*Ustreptali otkucaj sata*
*Poslije ljubavnih čuda....*
*... Da mi je ući u tebe*
*I nikad ne izaći.*

La poemo radias per granda interna amforto, kaj ĝia elegia intonacio, malkovras la alian flankon de la amrakonto: forecon, neatingeblon, amperdon kaj pro tio ekestas ĉagreno, doloro, sopiro al virino kiu forestas el lia vivo. La poemtitolo povus ankaŭ esti ekzemple **Preĝo** ĉar la tristo de la poeto elverŝiĝas el preskaŭ ĉiu verso. La du lasta versoj estas fakte simbola bildo, iuspeca konkludo kiu atestas pri la pratempa forto de amsentoj.

Ankaŭ en la aliaj poemoj ĉe **Seleš** oni renkontas tiun konfesmanieran tonon, sed ĝi estas tute natura karakterizo de la tuta lirika poezio ĝenerale. La sincereco estas ĝia fundamento kaj por la literatura mondo de **Seleš** oni povas aserti ke ĝi vere estas sincera. Se al tiu pritakso ni aldonos ankaŭ tre fortan imagpovon kiun sendube **Seleš** posedas, tiam ni vere antaŭ ni vidas la poeton, la literaturistion kun tre vastaj artaj kaj spiritaj horizontoj.

***Zlatoje Martinov***

# INTERNACIA KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ EN UKRAINIO

Malfermante la **78an Internacian kongreson de blindaj esperantistoj** (IKBE78), organizitan de la 13a ĝis la 20a de julio 2012 nemalproksime de **Kijivo (Ukrainio)**, **Olena Poŝivana**, prezidantino de Prepara kongresa komitato diris laŭvorte: "La 78a kongreso de blindaj esperantistoj malfermas la novan paĝon en historio de esperanta movado. La temo de la kongreso estas: Blinduloj por digna vivo kaj homaj rajtoj kaj subtemo proponita de LIBE estas: Ni kantu kune kaj parolu per Esperanto pri diverslanda kulturo."

Dum daŭrigo de la kongreso kaj eĉ poste, mi klopodis kompreni la cititan mesaĝon de la prezidantino **Poŝivana** pri malfermo de la nova paĝo en historio de esperanta movado flanke de ĉi tiu kongreso kaj ne sukcesis eltrovi la kialon. Ĉar la 78a kongreso estis tute ordinara okazintaĵo simila al aliaj niaj kongresoj, eble kun iom pli da misorganizaĵoj sed ankaŭ kun kelkaj valoraj enhavoj, kaj tial por mi ĝi ne havis historian signifon. Ĝia ĉefa temo estis valora sed ni aŭdis nenion kion ni jam ĝis nun ne sciis.

Inter valoraj kongresaj enhavoj mi aparte akcentas prelegojn pri konata blinda verkisto kaj mondfama vojaĝanto **Vasilij Eroŝenko**, koncerton de juna pianisto **Andrej Korobejnikov**, prezenton de rusaj romancoj de **Irina Mironova**, esperantan kurson, kvizon, ŝakturniron kaj Ukrainan vesperon.

La plej granda misorganizaĵo estis manko de brajla materialo, ekzemple ni havis nek programon nek Kongresan libron presitajn brajle. Ĉi-tiun misorganizaĵon mi aparte akcentas ĝuste tial ĉar ni pritraktis homajn rajtojn por blinduloj kaj ĉu iu rajto por ili estas pli grava ol rajto de aliro al informoj per brajlo t.e. rajto al skribkapablo.

Ni havis nur unu duontagan ekskurson en **Kijivo** dum kiu ni aŭdis pli multe en aŭtobuso de nia gastiganto **Mikaelo Lineckij** ol ni povis vidi, "palpi" aŭ aŭdi dum ekskurso. Pri nekomfortaj ĉambroj kaj manko de varma akvo, malebleco de telefonuzado ekster **Ukrainio** el kongresejo, senvaria nutraĵo mi ne skribos ĉar tio ne estas ĉefa afero kadre de niaj kongresoj, kvankam ĉio tio estis misorganizaĵoj de IKBE78.

Miajn impresojn mi finos per du punktoj el la Kongresa rezolucio:

"Viddifektitoj havas la rajton studi, plialtigi sian kvalifikon kaj labori en egalaj kondiĉoj kun aliaj civitanoj, inkluzive la rajton vivteni sin per laboro, elektita de ili, akceptita en labormerkato kaj labormedio en maniero transparenta, nediskriminacia kaj alirebla por ĉiuj personoj.

Ni, blindaj esperantistoj, pere de informado, konkreta agado, persona vivekzemplo klopodu forigi la negativajn banalaĵojn kaj ellabori la pozitivan bildon de blinduloj kiel egalrajtaj, plenvaloraj civitanoj."

***Antun Kovač***

# EŬROPA KOMISIONO SUBTENAS PROJEKTON DE EEU KAJ E@I

Ĉi somere alvenis bona novaĵo el **Bruselo**: la agentejo de **Eŭropa Komisiono** akceptis la komunan projekton de **Eŭropa Esperanto-Unio** kaj asocio Esperanto ĉe Interreto **E@I**. La titolo de la projekto estas **Lingvo.Info**. Por la projekto estis aprobitaj 400.000 eŭroj por entute naŭ partneroj. Inter la partneraj landoj nia lando ne troviĝas. En la projektpreparo kunlaboris **Maja Tišljar** el Societo por Eŭropa Konscio el **Velika Gorica**. Ni gratulas!

***S. Š.***

# VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 645. Judita Rey Hudeček omaĝe al Tibor Sekelj | 24,67 eŭroj |
| 646. Zlatko Tišljar omaĝe al Tibor Sekelj | 24,67 eŭroj |
| 647. Mia Cassey | 58,08 eŭroj |
| 648. Jelena Lončarević | 2,66 eŭroj |
| 649. Antun Kovač | 13,28 eŭroj |
| 650. Anonima | 26,56 eŭroj |
| 651. Spomenka Štimec | 6,65 eŭroj |
| **Post aprilo 2012 KEL kolektis:** | **156,57 eŭrojn.** |
| **Ekde la jaro 2003 KEL kolektis inter siaj membroj** | **27.428,01 eŭrojn.** |
| **Nia granda kredito reduktiĝis al** | **10.506,19 eŭroj.** |
| **Aliaj kreditoj:** | |
| **Kredito de ES "Trixini"** | **17. 537,84 eŭroj** |
| **Kredito de Esperanto-Societo Rijeka** | **2.464,15 eŭroj** |



*Sur la foto de Siniša Milašinović: Partoprenantoj de la 10-a kongreso de kroataj esperantistoj.*

# NI KONGRESIS EN KOPRIVNICA

La 10-a (jubilea) kongreso de kroataj esperantistoj ankoraŭfoje pruvis, ke bona semado donas bonan rikolton. Inter la 22a kaj 24a de junio en **Koprivnica** kolektiĝis bunta internacia societo: 140 kongresanoj el 14 landoj de 4 kontinentoj. Kvankam aliĝis ĉirkaŭ 180 geesperantistoj, parto el ili pro privataj aferoj ne sukcesis alvojaĝi, kaj tiel ne realiĝis la celata nombro 200. Tamen, la evento eĉ sen tio fariĝis unu el la plej gravaj Esperantaj aranĝoj en Eŭropo.

Kroataj kongresoj sian fizionomion ricevis pasintjare, kaj la tradicia divido al labora, kultura kaj turisma programoj ripetiĝis ankau ĉi-jare. **Kroata Esperanto-Ligo** komisiis per kontrakto la organizajn laborojn al **Dokumenta Esperanto-Centro** el **Đurđevac**, kiu havigis la aŭspicion de urbaj kaj regionaj aŭtoritatoj kaj de pluraj sponsoroj.

Enkadre de la vendreda programo okazis la jarkunveno de **KEL**, kiu pridiskutis plurajn problemojn de sia funkciado, kaj kiu daŭris pli ol 6 horojn (duoble ol planite)! Tio kaŭzis malfruiĝon aŭ neokazigon de kelkaj prelegoj. Okazis la planita vizito al **Muzeo de nutrado** (fondita de la nutrajindustrio "Podravka") kaj la koncerto de itala kantisto **Manŭel**. La programo finiĝis per projekciado de fotoj kaj per renkontiĝo de esperantistoj laborbrigadanoj, kiuj por tiu okazo kolektiĝis post pli ol 50 jaroj!

Malgraŭ la organizaj problemoj tre evidentaj vendrede, la sabata programo pli-malpli glate funkciis. En la solenaĵo okazinta en la koncertejo **"Domoljub"** (al esperantistoj konata el la historio kiel okazejo de la 7-a kongreso de jugoslaviaj esperantistoj en 1934) parolis la anstataŭanto de la departementestro **Ivan Pal** kaj tre inspire ankaŭ la konsilistino de la urbestrino **Helena Hećimović**. La himnojn kaj alian kant- kaj folkloran programon prezentis **Kulturarta societo "Koprivnica"**, kabaredis **Saša Pilipović** kaj koncertis **Neven Mrzlečki**. Omaĝitaj estis **Vida Jerman** (la Esperanta aktorino) kaj **Đuro Rašan** (la Esperanta poeto).

**Béla Kovacs**, la speciala sendito de la urbestro de la hungara urbo **Kaposvár Károly Szita**, alportis leteron de sia urbestro al la ĝemelurba urbestrino de **Koprivnica Vesna Želježnjak**.

La komuna sabata tagmanĝo por la kongresanoj okazis en la **Hotelo "Podravina"**, kie ankaŭ loĝis la kongresanaro. Post la tagmanĝo sekvis la riĉprograma kongresa ekskurso. Kunlabore kun la **Komunumo Koprivnički Bregi**, en tiu vilaĝo estis inaŭgurita nova ZEO: la memortabulo al **Ilija Puhalo**, la pioniro de Esperanto en la regiono de **Podravino**, kaj aparte grava persono el la historio de la fervojista esperantista organizaĵo. Pro tio en la inaŭguro, krom la vicprezidanto de **KEL Radenko Milošević**, parolis ankaŭ **István Gulyás**, la reprezentanto de **IFEF**, kaj **Marica Brletić** nome de zagrebaj fervojistoj-esperantistoj. La memortabulon malkovris kune **Darko Sobota**, la reprezentanto de la komunuma konsilio, kaj **Josip Pleadin** nome de **Dokumenta Esperanto-Centro**, kiu iniciatis la starigon de la memortabulo.

Dum la ekskurso estis vizitita ankaŭ la lulilo de kroata naiva arto, la vilaĝo **Hlebine**, kaj antaŭ noktomezo la kongresanoj spektis spektaklan teatraĵon en **Đurđevac** - la faman **"Legendon pri Kokoj"** sur la ekstera scenejo kun posta piroteknika spektaklo.

La kongresa dimanĉo pasis pli leĝera en sinbanado en la urbaj naĝbasenoj kaj en la agrabla pikniko en vinberejo por kvardeko da plej obstinaj kongresanoj.

Por la 11-a kongreso sian kandidatiĝon dumkongrese prezentis komune la **Esperanto-societoj Sisak** kaj **Petrinja**. Okaze de la 125-a datreveno de Esperanto, en la **Biblioteko kaj legejo "Fran Galović"** okazis ekspozicio pri Esperanto, kaj **Kroata poŝto** uzis specialan poŝtan stampon la 23-an de junio. **Filatelista societo Koprivnica** eldonis specialan filatelan koverton.

La kongresanoj disiĝis ne per adiaŭo, sed per "ĝis la revido en la 11-a".

El la postkongresaj aranĝoj ni menciu la prelegon **"Brazilo - koninda lando"**, kiun en tri kroataj urboj prezentis la brazila geedza paro **Menegasso**.

Pri la riĉa junia semajno raportis pluraj gazetoj, retejoj, radio-stacioj kaj televidaj kanaloj.

***Davor Grgat***





# METEORITA FESTO KUN LA KOREA GUSTO

En **Seulo** en februaro 2012 por la 100-a naskiĝtago de **Tibor Sekelj** aperis la korea eldono de **Kumeŭaŭa – la filo de la ĝangalo** en peresperanta traduko de **Ombro Jang**. Ni petis helpon en **Korea Ambasadejo** de **Zagrebo** por aŭdi kiel sonas la **Kumeŭaŭa** en la korea. Alvenis al la festo en **Zagorje** ĉarma fraŭlino **Nara Han**, vestita per la korea kostumo. La nova libro de **Tibor Sekelj** estis la centra programo de la ĉi-jara evento la 26an de majo.

**Sonja Borovšak**, la estrino de **Departamento Krapinsko-zagorska**, malfermis la **Feston de meteorito**.

Pri la aŭtoro prelegis al kvindeko da ĉeestintoj **Zlatko Tišljar**. Fotoj de **Jasminka Štimac**.





## SOMERA ESPERANTO-STUDADO NITRA, SLOVAKIO 21a – 29a de julio 2012

**Somera Esperanto-Studado** (SES) estas somera esperanto-renkontiĝo organizata de **E@I** (Esperanto ĉe interreto) ekde la jaro 2007. Ĉi-jare **SES** okazis en **Nitra**, bela okcidentslovaka urbo kun riĉa historio, unu el la plej malnovaj urboj kaj historie unua politika kaj kultura centro en **Slovakio**. **Nitra** estas la 5a plej granda urbo en **Slovakio**, situanta 90 km for de la slovaka ĉefurbo **Bratislava**. Aparte menciindas bela malnova urbo (**Stare Mesto**) situanta iomete supre de la urbo.

Ĉi-jare **SES** partoprenis pli ol 250 partoprenantoj el 23 landoj, inter ili estis 5 partoprenantoj el **Kroatio** (**Sanja Damjanić, Natalija Lenić, Tonina Novak, Vladimir Kamenski** kaj **Tomislav Divjak**). La renkontiĝo mem estas ege interesa ĉar ĝi ofertas programerojn por ĉiuj. Matene okazis esperantaj kursoj laŭ diversaj niveloj gvidataj de spertaj instruistoj, posttagmeze estis prelegoj, ludoj, aŭ ekskursoj kaj vespere teatraĵoj kaj koncertoj. Dank' al **SES** ni pliprofundigis nian konon de Esperanto, sed ni ne nur studis, ni havis tempon ankaŭ por ekskursi kaj amuziĝi. Interalie, ni ekskursis al **Bratislava, Banska Štiavnica** kaj **Topolčianky**, aŭskultis koncerton de **JoMo** kaj spektis teatraĵon de **Saša Pilipović** kaj **Georgo Handzlik**.

Laŭ nia opinio, la tuta renkontiĝo estis ege bone organizita kun vere riĉaj kaj diversaj programeroj, ekskursoj, koncertoj kaj altkvalitaj E-kursoj.

***Tomislav Divjak***



*Kroata grupo dum ekskuso al Banska Štiavnica*